*Karaj geamikoj,*

*per tiu ĉi numero finiĝas epoko de Juna Amiko, la tiel nomata tradicia epoko. Fino kaj malĝojo kutime rajdas kune. Ĉi-kaze estas male. Superregas min granda ĝojo ĉar – unue – mi povas ĝisvivi la renaskiĝon de la revuo, – due – pri ĝia vivkapablo atestas plena moderniĝo de la periodaĵo, tiel ke ĝi daŭre konservos la noblajn ideojn, kiuj ligiĝas al Esperanto kaj la revuo, kompreneble. Ĝi ĉiam volis esti ne nur "juna", sed ankaŭ "bona", "nobla" kaj "helpema" amiko.*

*Kun firma kredo ni komencos novan epokon. Se vi helpos, ni certe triumfos.*

*Geza Kurucz*
*redaktoro*

ENHAVO



**Pri la lingvaĵo de JUNA AMIKO.** Sen pied-notoj ni uzas la plej oftajn 1500 vort-radikojn, kiujn vi trovas en nia hejm-paĝo: ***www.junaamiko.inf.hu*** . En vort-kunmetoj, se necesas – por rekoni kunmeton – ni uzas divid-strekon, sed kiam la vorto revenas en la sama teksto, ni ne plu uzas ĝin.





INTERNACIA ESPERANTO-REVUO DE

**ILEI**

POR LERNEJANOJ KAJ KOMENCANTOJ

DECEMBRO 2004 N-ro 4(111)


***Sur la titol-paĝo:*** *Jul-Avo en sia norda vilaĝo havas kontakton kun ĉiuj infanoj. Li jam preparas donacojn por vi. Bildoj el KD de "Santa Claus Office"*

# Neprofitema amo

Antaŭ 145 jaroj naskiĝis L. L. Zamenhof

Mi estas ukrainiano. Iu-foje mi sidis hejme ĉe la tablo kaj skribis. La radio-ricevilo estis ŝaltita. Mallaŭte sonis agrabla muziko, poste komenciĝis iu radio-elsendo. Subite mi ekaŭdis vortojn, kiuj igis min serioze mediti. En la ukraina lingvo estis dirite:

*"Genu-flekse ador-kliniĝu ne antaŭ tiu, de kiu dependas Via sorto: ne antaŭ la estro, ne antaŭ stelulo, ne antaŭ eterneco, sed ador-kliniĝu antaŭ homo noble bon-kora, ekzemple antaŭ Panjo Via! Kaj tio estos sin-altigo, ne sin-malaltigo!"*




Aŭdante la kor-tuŝajn vortojn mi ĉesis labori kaj enpensiĝis. Estas ja pri kio pensi, kiam oni instruas nin pri la vera, neprofitema amo... Tiam mi rememoris pri la junulo, kies koro sentis doloron pro la malfeliĉoj kaj suferoj de la hom-fratoj. Mi pensis pri la juna Ludoviko Zamenhof. Mi opinias, ke ni ĉiuj rajtas kaj devas adorkliniĝi antaŭ la noble bonkora homo, kiu ne povis resti indiferenta al la interesoj kaj bezonoj de la tuta homaro kaj kiu en sia koro, sendube havis sinceran neprofiteman amon al la homoj. Ja tiam, dum lia jun-aĝo (mi daŭrigos verse)

*la projekto lontana*
*de la lingv' filigrana*
*estis frukto de l' am'*
*de l' aŭtoro humana,*
*de l' anim' estis flam'!*

En niaj koroj ni ĉiam havu grandegan dankemon al la aŭtoro de la lingvo Esperanto! Ja li donacis al ni la bonegan rimedon de interkompreniĝo! Gloron al Dio pro nia bonega lingvo, pro Ludoviko Zamenhof! Tiu ĉi ege modesta kaj bonkora homo pro sia anima fajro de amo al la homoj transformiĝis je nia voj-montra stelo.

*Grigorij* BEREZIN (Ukrainio)

***adori:*** **amegi /** ***filigrana:*** **delikata, riĉa je esprimoj /** ***fleksi:*** **kurbigi /** ***humana:*** **hom-ama /** ***indiferenta:*** **ne kor-tuŝita /** ***lontana:*** **malproksima /** ***ŝalti:*** **igi ion plenumi sian taskon.**

**La 15a de decembro estas**
**INTERNACIA FESTO-TAGO DE ESPERANTISTOJ**

# Atentu! Ne forgesu!

*Kun la nova jaro komenciĝos*

# FLOR-EPOKO de JUNA AMIKO

Malgraŭ tio, ke papere ĝi eliros nur tri fojojn jare *(aprilo, aŭgusto, decembro)* la grandeco kreskos de 112 al 156 paĝoj.

**Ĉiu numero havos 52 paĝojn**

kun novaj liter-tipoj kaj paĝ-aranĝo.

Ekde 2005 Juna Amiko estos **pli ol gazeto**. Tio signifas, ke ĉiuj abonantoj ricevos informojn, per kiuj ili povos aliri al la retejo, kiu ĉiu-monate liveros novajn kontribuaĵojn ne nur el freŝaj kaj malnovaj numeroj, sed ankaŭ verkojn, kiuj ne aperas en la fizika revuo. La reta materialo estos konservata kaj elŝutebla laŭ-dezire eĉ post pluraj jaroj. Tiele la retejo fariĝos vera trezorejo de allogaj esperantaĵoj por ĉiuj komencantoj, instruistoj kaj kurs-gvidantoj.

Nia ret-paĝaro aperigos, do, ne la enhavon de la freŝa papera numero (escepte de kelkaj artikoloj, interalie de la aktuala kvizo-ludo), sed havos informojn, konsilojn, ekzercojn por iuj artikoloj de la revuo. Ĝi fariĝos babilejo, diskutejo de la legantoj. Ĝia enhavo grand-parte dependos de la deziroj kaj aktivadoj de la uzantoj mem. Ni do invitas vin regule veni al la paĝaro:

**www.lernu.net**

kaj eniru ĝian bibliotekon.

Kara amik(in)o, ne forgesu: sukceso venas nur se oni agas kaj laboras en plena harmonio.

Sciigu nin pri viaj impresoj, deziroj kaj kontribuu per informoj, verketoj. **Ni bezonas vin!**




Dum la amplekso de la revuo kreskos jare preskaŭ 40 procentojn, la abon-kotizo altiĝos nur 20 procentojn, kiu inkluzivos ankaŭ ret-aliron kiel ni prezentis ĉi-supre. Juna Amiko restos, do, la *plej malmulte-kosta periodaĵo* de Esperantujo.

Juna Amiko ekhavos novajn rubrikojn. Ĝi detale informos pri la agado de INTERKULTURO; prezentos etnajn kutimojn novajn kaj iamajn; lanĉos *KviNo-KviZon* (iom simila al la verko: Promeno kun opinioj, n-ro 110, p.10) kaj aliajn.

Fine, sed ne laste, revenos nia kara amiko, ***Stefan MacGill***, kiel kunredaktoro. De januaro Juna Amiko estos, do, redaktata de du personoj. Tio per si mem estas garantio pri daŭra plivaloriĝo de la gazeto.

Ni servos vin ĉia-maniere, nia revuo fariĝos bona nemalhavebla helpilo por junaj kaj nejunaj amikoj de la internacia lingvo. Ne forgesu nin!

| | 1 ekz. | Ekde 3 ekz. | Prioritate |
|---|---|---|---|
| Tarifo 1 | 14 EUR | po 11 EUR | +30 % |
| Tarifo 2 | 9 EUR | po 7 EUR | +30 % |



***Abon-tarifoj de Juna Amiko por la jaro 2005***

*etno:* pli-malpli granda hom-grupo kun komuna kulturo / *fizika:* prenebla, palpebla / *garantii:* certigi ion al iu / *harmonio:* agrabla kunagado, en kiu ĉiu ero plenumas sian taskon / *impreso:* influo sur la sensoj aŭ sentoj / *inkluzivi:* enhavi, enteni en si / *kontribui:* alporti sian parton al komuna laboro / *kotizi:* pagi por certa celo / *kvizo:* scio-konkurso / *lanĉi:* ekaperigi / *liveri:* doni, alporti / *tipo:* karaktera formo / *trezoro:* alt-valoraĵo.

# Vizito ĉe Jul-Avo*



Mi vizitis Jul-Avon en septembro, en lia vilaĝeto ĉe la *Polusa Cirklo*** en *Rovaniemi*, Finnlando. La Cirklo estas markita per blanka farbo sur lia korto. Mi vidis, ke unuj el la vizitantoj timis ĝin, kredante, ke ĝi estas magia, aliaj gaje ridis kaj saltis trans ĝin.

La vivo-ĉambro de Jul-Avo ne estis ŝlosita, sed neniu estis en ĝi. Sciu, ke Jul-Avo kutime dormetas posttagmeze, sekve mi devis atendi unu horon. Tra la tuta jaro li kaj liaj helpantoj laboras por la venonta Julo.

Kiam Jul-Avo vekiĝis, li akceptis min per "bonan matenon" kaj ŝerce ridetis. Lia bukla blanka barbo atingis la genuojn, kaj mi ege dezirus karesi ĝin, sed mi ne kuraĝis. Pro somereca varmo li ne surhavis siajn plej dikajn vestojn kaj ŝtrumpetojn, sed liaj ŝuoj estis grandegaj.

Li invitis min eksidi apud li kaj amike lasis min intervjui lin. Li diris, ke la infanoj ĉiam estas same ĉarmaj kiel antaŭe, kvankam nun ili estas multe pli lertaj pri teknikaĵoj kaj scias pli multe ol antaŭ 50 jaroj. Li memoris ankaŭ sian viziton al Kroatio, la belegan akcepton, kiun li havis tie, kaj la

knabineton *Stephanie Strunjak*, kiu gajnis tiu-jare (2002) ĉefpremion en la *Tut-monda Fabel-konkurso*. Lin interesis ankaŭ *Juna Amiko*. Multegaj leteroj venas al li el la tuta mondo, kaj la plej belajn li gardas en granda kesto, ankaŭ desegnaĵojn, el kiuj mi vidis plurajn.

Dum ni interparolis, viciĝis aliaj vizitemuloj: lernejanino, kiu deziris intervjuon por sia lernejo, ĉinaj turistoj, juna familio, kies patrino devenas el Goa en Barato kaj la patro el Portugalio. Iliaj filinoj havas belegan nigran hararon. Jul-Avo parolas multajn lingvojn, kaj lia parenco en Kanado scias ankaŭ Esperanton. Mi dankis al Jul-Avo kaj li man-premis min. Liaj helpantoj en alia ĉambro donis al mi KD (kompaktdiskon) pri li. En aŭgusto vizitis lin miloj da homoj! En decembro venos duoble pli!

En la vilaĝeto de Jul-Avo troveblas poŝt-oficejo, kie la poŝtmarkoj estas unike stampataj. Ĉie videblas ĝojigaj Julaj ornamaĵoj: tintiletoj, or-koloraj pajlaĵoj, multkoloraj globoj, rubandoj, girlandoj, donacoj pakitaj en jul-papero, ruĝe vestitaj pupetoj kun pinto-ĉapoj, kiuj similas al la helpantoj de Jul-Avo. Eĉ en somero aŭdeblas jul-kantoj.

Jul-Avo havas kolegojn en aliaj landoj, kvankam oni nomas ilin per diversaj nomoj *(Pere Noël, Sankta Nikolao, Santa Claus, Father Christmas, Joulupukki...)*. Mi supozas, ke la blu-mantela Silvestra vizitanto en Rusio *(Djed Moroz)* estas ĝemela frato de Jul-Avo.

Estis tre interese viziti lin.

*S-ino Saliko, Finnlando*

SCIU, KE...

* *En Esperanto oni nomas lin ne nur Jul-Avo, sed ankaŭ Sankta Nikolao, Avo Frosto.*

** *La Polusa Cirklo estas linio desegnita sur mapoj je 66° 34' de norda latitudo. Norde de ĝi en somero la suno almenaŭ dum unu tag-nokto ne subiras, kaj en vintro ne leviĝas. Pli kaj pli norde la nombro de lumaj noktoj / krepuskaj tagoj pliiĝas, en Finnlando ĝis 53 tagnoktoj.*

***buklo:*** **ringo-forma har-aranĝo / *farbo:* kolorigilo / *girlando:* ornama plektaĵo el floroj kaj folioj / *ĝemelo:* unu el du- aŭ plur-naskitoj / *intervjuo:* verko en gazeto aŭ televido: iu respondas la demandojn de ĵurnalisto / *karesi:* milde tiri la manon sur haŭto aŭ hararo; signo de amo / *kolego:* sam-profesiulo / *krepusko:* preskaŭ plena manko de lumo / *latitudo:* linio paralela kun la ekvatoro (dis-duiga linio de la suda kaj norda duon-globoj) / *magia:* havanta supernaturan forton, kapablon / *pajlo:* seka trunketo de gren-herboj: tritiko, sekalo... / *poluso:* la plej norda aŭ suda parto de la ter-globo / *rubando:* longa kaj mallarĝa kolora teksaĵo por ornami / *stampi:* fari poŝtan markon per inko sur koverto / *tintilo:* sonorileto / *unika:* ne havanta alian egalan aŭ similan.**

*Redaktas: Monika MOLNÁR*

Jen nia donaco por la jar-finaj festoj. Ellernu ĝin.

## *Spicaj sekretoj*

Versoj: *Anja Karkiainen* Muziko: *Vesa Pölkki*

D A7

Jul - ko - bol - do dum fe - ri - o

D

ĉer - pis pli da e - ner - gi - o

D7 G

ĉe hun - ga - ra kam - po - ran - do

A7 D

kun ko - bol - doj de la lan - do.

*Daŭrigo de la poemo troviĝas sur la lasta kovril-paĝo (p. 28)*

*aplaŭdi:* kunfrapadi la la manojn por elmontri ĝojon / *inventi:* elpensi ion science novan, gravan aŭ interesan / *koboldo:* feo kun petola humoro / *kolego:* labor-kunulo / *papriko:* verda, flava aŭ ruĝa legomo kun pli-malpli akra gusto.

# LA DUA ETAĜO

## Venu En Nian Duan Etaĝon

**Gajni ĉe Hajni! Gajni ĉe Hajni! Gajni ĉe Hajni!**

❶ *Eltrovu la vortojn kaj skribu iliajn komencajn literojn en la kvin petaloj. Kiu vorto aperos?*




1. Malsano, en kiu oni sentas varmon kaj ŝvitas.
2. Esperanto estas ________.
3. Per kio oni vidas.
4. Eta verda besto, kiu forte saltas.
5. Sensuna, malhela

❷ *Divenu, kiu vorto kaŝas sin en tiu ĉi frazo:*

Ĉu aero sufokas inter sablaj tropikaj oazoj?

❸ *Kiujn samajn literojn meti sur la linietojn por krei bonajn vortojn?*

_ _ MO
_ _ RORO
_ _ NTO
_ _ NORO
_ _ KO

Estas du eblaj respondoj! Kiuj? Elpensu ankoraŭ kvin vortojn, kiuj komenciĝas per tiuj literoj.

❹ *Kiujn numerojn meti en la kvadratojn? Kial?*

8 10 14 22 ☐ ☐ ☐

La solvojn sendu poŝte al *Hajni MacGill, Lajos utca 47/a, HU-1036 Budapest, Hungario* kaj skribu vian adreson. Ŝi lotumos premiojn!!!

*(Solvoj de n-ro 3/04 sur p. 27)*

▲

*bubalo:* bovo-simila forta mam-besto, kiu devenas el Azio / *Celsia:* termometra skalo, laŭ kiu 0 grado egalas temperaturon, kiam glaciiĝas akvo / *felo:* besto-haŭto kun haroj kutime / *frazo:* aro da vortoj, kiuj esprimas tutan penson; frazo finiĝas per jenaj signoj: . ! ? … / *lupo:* hundo-simila sovaĝ-besto / *oazo:* kvazaŭ verda insulo en dezerto kun fonto / *petalo:* flor-folio, plej ofte bel-kolora / *tropiko:* la plej varmaj regionoj de la tero.

# ĈIO INTERESA PRI BUBALOJ

*Karina MacGill*

Pro la homoj, tiuj bestoj preskaŭ formortis. Ili vivas en rezervejoj. Ili vivas ĉefe en Usono, sed ankaŭ en Pollando estas rezervejo por ili.



Ĝi kapablas elteni grandan malvarmon, ĝis – 45 °C (minus 45 gradoj Celsiaj). Unu vir-bubalo gvidas la grupon.

Sana bubalo ne havas malamikojn (escepte la homon). Nur la idojn kaj malsanajn aŭ maljunajn bubalojn minacas la lupoj.



Bubalido naskiĝas en komenco de somero. Ĝi suĉas lakton dum ses monatoj.

Printempe iliaj vintraj felharoj forfalas. Foj-foje ili gratas sin kontraŭ arbo-trunkoj por helpi tion. Somere, ili povas manĝi sian preferatan manĝon — herbon.

## REZULTO DE
# TUTMONDA FABEL-KONKURSO
## EN ESPERANTO 2004

### *Kategorio A*

1. **Monika GORALCZYK** (Pollando)
   *Konkursfabelo el Fora Nordo*
2. Denisa PAVLASOVA (Ĉeĥio)
   *Pri perdita hundeto*

### *Kategorio B*

1. **Francesco BENTIVOGLI** (Italio)
   *De la mallumo al la lumo*
2. Dinara BUZANAKOVA (Rusio)
   *Leontodo kaj formiko*

### *Kategorio C*

1. **Karina MACGILL** (Hungario)
   *Makulul*
2. Silvio RAVAIOLI (Italio)
   *Kiu forrabis epifanian feinon?*

La premion
INTERNACIA FABELO
gajnis la fabelo de
**Karina MACGILL,**
*MAKULUL.*
*(Ni prezentos ĝin en la aprila numero.)*

La redakcio de Juna Amiko elkore gratulas al ĉiuj partoprenintoj de la Fabelkonkurso, aparte al la gajnintoj kaj premiitoj.

Ni esperas ke en 2005 ankaŭ vi verkos fabelon. Alvoko kaj detaloj aperos en la sekva numero de nia revuo. Ne preterpasu la okazon, elprovu vian talenton

# Miraklaj tabeloj

**por difini tagojn inter la jaroj 1583-2299**

Ĉu vi volas scii, en kiu tago vi naskiĝis aŭ kiam komenciĝis la dua mond-milito, aŭ kiun tagon trafos la 15a de marto post 10 jaroj?

Uzante la apudajn tabelojn vi povas helpi al iu ajn, kiu sci-volas pri la tago de iu dato.

• Unue, ni difinu la naskiĝ-tagon de L.L.Zamenhof. Ni scias, ke li naskiĝis la *15an de decembro 1859.* Kiu tago estis tiam?

Ni iru laŭ-paŝe:

*Sub* **Tago** *dekstre de 15:* **1**
*Sub* **Monato** *Decembro:* **5**
*Sub* **Jarcento** *dekstre de 18:* **3**
*Sub* **Jaro** *dekstre de 59:* **2**
*Sumo:* **11**

Kaj, fine, en **Rezulto** dekstre de **11** vi legas: **Merkredo**. Sekve, la 15a de decembro en 1859 estis *merkredo*.

• Dua ekzemplo. Mia patrino – diras Andrea – naskiĝis la *2an de januaro 1973*. Kiu tago estis tiam?

Respondo laŭ la supra sin-sekvo: 2 + 1 + 1 + 6 (ĉe 73 troviĝas 0, sed ĉe 72, ĉar temas pri januaro, vi trovas: 6) = 10, sekve: *mardo*.

Mi proponas al vi komenci la unuan mem-staran "divenon"– por kontroli la ĝustecon – per la hodiaŭa tago.

# TABELOJ POR DIFINI TAGOJN

**❶ Tago**

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 1 | 8 | 15 | 22 | 29 | **1** |
| 2 | 9 | 16 | 23 | 30 | **2** |
| 3 | 10 | 17 | 24 | 31 | **3** |
| 4 | 11 | 18 | 25 | | **4** |
| 5 | 12 | 19 | 26 | | **5** |
| 6 | 13 | 20 | 27 | | **6** |
| 7 | 14 | 21 | 28 | | **0** |

**❷ Monato**

| | |
|---|---|
| Januaro | **1** |
| Februaro | **4** |
| Marto | **3** |
| Aprilo | **6** |
| Majo | **1** |
| Junio | **4** |
| Julio | **6** |
| Aŭgusto | **2** |
| Septembro | **5** |
| Oktobro | **0** |
| Novembro | **3** |
| Decembro | **5** |

**❸ Jarcento***

| | | |
|---|---|---|
| 15 | 19 | **1** |
| 16 | 20 | **0** |
| 17 | 21 | **5** |
| 18 | 22 | **3** |

**❹ Jaro****

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| 00 | 28 | 56 | 84 | **0** |
| 01 | 29 | 57 | 85 | **1** |
| 02 | 30 | 58 | 86 | **3** |
| 03 | 31 | 59 | 87 | **2** |
| 04 | 32 | 60 | 88 | **5** |
| 05 | 33 | 61 | 89 | **6** |
| 06 | 34 | 62 | 90 | **0** |
| 07 | 35 | 63 | 91 | **1** |
| 08 | 36 | 64 | 92 | **3** |
| 09 | 37 | 65 | 93 | **4** |
| 10 | 38 | 66 | 94 | **5** |
| 11 | 39 | 67 | 95 | **6** |
| 12 | 40 | 68 | 96 | **1** |
| 13 | 41 | 69 | 97 | **2** |
| 14 | 42 | 70 | 98 | **3** |
| 15 | 43 | 71 | 99 | **4** |
| 16 | 44 | 72 | | **6** |
| 17 | 45 | 73 | | **0** |
| 18 | 46 | 74 | | **1** |
| 19 | 47 | 75 | | **2** |
| 20 | 48 | 76 | | **4** |
| 21 | 49 | 77 | | **5** |
| 22 | 50 | 78 | | **6** |
| 23 | 51 | 79 | | **0** |
| 24 | 52 | 80 | | **2** |
| 25 | 53 | 81 | | **3** |
| 26 | 54 | 82 | | **4** |
| 27 | 55 | 83 | | **5** |

**❺ Rezulto**

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| **0** | **7** | **14** | **21** | **=** | **Sabato** |
| **1** | **8** | **15** | **22** | **=** | **Dimanĉo** |
| **2** | **9** | **16** | **23** | **=** | **Lundo** |
| **3** | **10** | **17** | | **=** | **Mardo** |
| **4** | **11** | **18** | | **=** | **Merkredo** |
| **5** | **12** | **19** | | **=** | **Ĵaŭdo** |
| **6** | **13** | **20** | | **=** | **Vendredo** |

* *La du unuaj ciferoj de la jaro.*
** *La du lastaj ciferoj de la jaro.*

***Notu bone!*** **Se la serĉata tago troviĝas en *januaro* aŭ *februaro*, deprenu 1 de la jar-nombro (ne de la sumo!). Vidu la duan ekzemplon.**

*Laŭ la libro de Paul Bennemann: MIRU, PENSU, RIDU!*

# LITOVIO,

## la lando de sukceno

### kiu akceptas la esperantistojn de la mondo en 2005




En la geografia centro de Eŭropo, sur bordo de la Balta Maro, situas Litovio, malgranda verda lando kun 2800 lagoj. La maro elĵetas pecetojn de sukceno, kiu estas nomata "oro de Balta Maro". En antikveco sukceno atingadis Grekion kaj grekoj nomis ĝin *elektron*, ĉar sukcena peceto, frotita sur ŝtofo, elektriĝas kaj akiras povon altiri paperetojn. De tio ni havas la vorton *elektro*.

La teritorio de Litovio okupas 65 000 $km^2$ (kvadratajn kilometrojn), sed ĝi estas pli granda ol Belgio, Danio, Nederlando aŭ Svislando. En ĝi loĝas 3,5 milionoj da homoj, el kiuj 83 procentoj estas litovoj. Ili parolas la litovan lingvon, kiu estas la plej arkaika vivanta hind-



eŭropa lingvo. Tio signifas, ke dum jar-miloj la litova lingvo ŝanĝiĝis malpli ol la ceteraj, ĝi pleje konservis malnovajn formojn.

La ĉef-urbo de Litovio, ekde la 14a jar-cento (jc) estas **Vilno** (litove: *Vilnius*). Ĝi estas bela urbo kun duon-miliona loĝantaro. Precipe ĉarma estas ĝia malnova parto kun multaj arkitekturaj monumentoj. Sur monteto staras ruinoj de Gediminas-kastelo, de kie malfermiĝas belega panoramo de la urbo.

En la mez-epoko litovoj longe restis paganoj kaj obstine batalis kontraŭ krucista ordeno, kiu sub preteksto de kristanigo volis konkeri iliajn terojn. Nur en la jaroj 1387-1413

Litovio kristaniĝis kaj poste kun la najbara Pollando faris federacian ŝtaton. Post okupacioj de fremduloj, post du mond-militoj Litovio denove iĝis sendependa ŝtato en 1990.

Ĉi-jare, en majo Litovio fariĝis membro de Eŭropa Unio (EU).



Indas mencii, ke Litovio estas firme ligita kun la historio de Esperanto. En litova urbeto *Veisiejai* (Vejsejaj'), en la jaro 1885 loĝis *Ludoviko Zamenhof* kaj tie finpreparis por eldono la Unuan Libron de la internacia lingvo. Lia edzino *Klara* estis loĝantino de *Kaŭno* (litove Kaunas), la dua urbo de Litovio. Jam en 1890 aperis la unua Esperanta lerno-libro por litovoj. Litova Esperanto-Asocio fondiĝis en 1918, ĝi refondiĝis en 1988. Jam 14 jarojn estas eldonata du-monata revuo *Litova Stelo*, aperas ankaŭ porinfanaj libretoj en Esperanto.

*Petras Čeliauskas, Litovio*



Venont-jare en la ĉefurbo *Vilno* okazos la 90a *Universala Kongreso (UK) de Esperanto*. Ĝi estos jubilea, ĉar ĝi okazos ĝuste 100 jarojn post la 1a kongreso en la jaro 1905. Enkadre de UK okazos ankaŭ *Internacia Infana Kongreseto (IIK)*.

*arkaika:* malnoviĝinta, ne plu uzata / *arkitekturo:* konstru-arto / *federacio:* grupiĝo de ŝtatoj / *jubileo:* rond-cifera dat-reveno / *konkeri:* milit-akiri / *obstina:* malcedema / *pagano:* sen-di-ulo / *preteksto:* ŝajn-kaŭzo / *procento:* % / *sukceno:* vitreca flava materio, el kiu oni faras juvelojn, ekzemple / *ŝtofo:* teksaĵo por vestoj / *teritorio:* spaco, kiun io okupas.




# Kodado de la Informo

**"En la nun-tempaj ciferecaj aparatoj, ĉiu informo (t.e. nombroj, tekstoj, bildoj, sonoj, filmoj) aperas kiel senfina vico de unu kaj nulo!"**

## Kodado de Nombroj

### Entjeraj nombroj

Entjeraj nombroj ("sen komo") estas ofte kodataj en la duuma sistemo per 1, 2, 4 aŭ 8 bajtoj. La unua bito kodas la signumon (0 por pozitivaj, 1 por negativaj nombroj), tiel ke restas 15, 31 aŭ 63 duumaj ciferoj. Depende de la uzataj bajtoj, entjera nombro povas atingi jenajn maksimumajn valorojn:

| bajtoj | | maksimuma valoro | ĝia reprezento en memoro (HEX) |
|---|---|---|---|
| 1 | $2^8-1$ = | 255 | FF |
| 2 | $2^{16}-1$ = | 65.535 | FFFF |
| 4 | $2^{32}-1$ = | 4.294.967.295 | FFFF FFFF |
| 8 | $2^{64}-1$ = | 18.446.744.073.709.551.615 | FFFF FFFF FFFF FFFF |

Se oni volas kodi ankaŭ negativajn nombrojn, la maksimuma valoro estas nur la duono, ĉar la alia duono estas uzata por la negativaj nombroj.

### Frakciaj nombroj

Frakciaj nombroj ("kun komo") povas esti kodataj en fiksa-koma aŭ glit-koma reprezento. Kutime fiksa-komajn nombrojn uzas la financa kalkulado, glit-komajn la fizika kalkulado.

## Kodado de Tekstoj

Por kodi la literojn de la baza latina alfabeto, tamen sen specialaj signoj de diversaj lingvoj (ekz-e ä, ö, ü, ß, à, ñ, ĝ ... ) establiĝis normigita kodo, **Askio (ASCII)**. Askio kodas ĉiun signon en la malaltaj 7 bitoj de bajto; la unua bito estas ĉiam 0. Tiel disponeblas $2^7$ = 128 malsamaj kombinoj por reprezenti 128 malsamajn signojn. Ekzemple, la vorto ESPERANTO okupas 9 bajtojn kies bita aranĝo estas:

**ESPERANTO ⇨ 45 53 50 45 52 41 4E 54 4F** $_{\text{Hex}}$

La etnolingvaj specialaj simboloj estas kodataj eluzante ĉiujn 8 bitojn en bajto (do la unua bito povas esti ankaŭ 1). Kvankam tiamaniere disponeblas 256 malsamaj kombinoj, tamen ili ne sufiĉas

***alfabeto:*** literaro / ***analoga:*** glate ŝanĝebla / ***anstataŭi:*** plenumi la taskon de / ***aŭdio:*** sono / ***bazo:*** esenca deir-punkto / ***cifereca:*** rilata al ciferaj informoj / ***datumo:*** komputile traktebla informo / ***disponi:*** uzi laŭ plaĉo / ***dosiero:*** organizita kolekto de datumoj en ekstera memoro / ***duuma:*** prezentanta la nombrojn per serio de 0 aŭ 1 kiel sumojn de potencoj de du / ***entjero:*** nombro el la vico 0, 1, 2, ... aŭ –1, -2, -3, ... / ***establi:*** aranĝi organizon / ***etno:*** hom-grupo / ***financa:*** rilata al mono

**Tiu ĉi estas la lasta artikolo pri "Komputiko" de KERO kiel komence planita de la aŭtoro.**

por ĉiuj lingvoj, do oni difinis diversajn normojn , inter ili la normo nomata ISO 8859/3 aŭ Latina-3 por la Malta, Turka kaj **Esperanto**. Dum la lastaj jaroj aperis nova kodo-sistemo sub la nomo **Unikodo**. Tiu sistemo kodas ĉiun signon per 16-bita nombro (do per 2 bajtoj) kaj tiel teorie povas kodi $2^{16}$ = 65 mil signojn. Tiel ĝi povas kodi ne nur la specialajn signojn de ĉiuj latinskribaj lingvoj, sed ankaŭ aliajn skribojn, inkluzive de la ĉina. Tial, verŝajne, Unikodo baldaŭ anstataŭos la 8-bitajn kodojn tiel ke ne plu estos problemoj pro specialaj simboloj -- sed ankoraŭ ne estas tiel.

## Kodado de Bildoj

La plej ofta baza metodo por kodi bildojn estas malkomponi bildon en aro de bilderoj aranĝitaj laŭ vicoj. Ĉiu bildero havas difinitan kolor-valoron kaj, laŭ la dezirataj aspekto kaj kvalito, estas kodata per malsamaj bitoj:

a. La plej simpla okazo estas tiu de nigra-blanka bildo. Se eblas nur du koloroj, ekzemple "blanka" kaj "nigra", unu bito sufiĉas por unu punkto.
b. Diversaj grizecaj niveloj permesas pli da detaloj; ofte oni uzas 16 aŭ 256 nivelojn de grizeco, alidire 4 bitojn aŭ 8 bitojn = 1 bajton.
c. **Koloraj bildoj ofte estas kodataj per tri apartaj niveloj de ruĝo, verdo kaj bluo (RVB), kiuj estas *sume* miksataj. Minimume do necesas tri bitoj por havi 8 bazajn kolorojn.**
d. Pro la grandaj kvantoj da datumoj en bildoj estas utile densigi la informon. Tiucele eblas utiligi la fakton, ke en bildoj ofte troviĝas pluraj sam- aŭ similkoloraj bilderoj apude, aŭ la fakton, ke la homa okulo malpli bone distingas ruĝajn ol verdajn kolorojn, ktp. Kutimaj dosier-formatoj por densigitaj bildoj estas GIF, PNG kaj JPEG.

| R | V | B | koloro |
|---|---|---|---|
| 0 | 0 | 0 | nigra |
| 0 | 0 | 1 | blua |
| 0 | 1 | 0 | verda |
| 0 | 1 | 1 | cejana |
| 1 | 0 | 0 | ruĝa |
| 1 | 0 | 1 | malva |
| 1 | 1 | 0 | flava |
| 1 | 1 | 1 | blanka |

## Kodado de Sonoj



**Porteblaj muzik-legiloj**

Komputila aŭdio uzas ciferecan reprezenton kaj kodadon de sonora ondo kiu estas analoga signalo. La plej ofta metodo por generi komputilan aŭdion estas mezuri la grandon de tiu sonora signalo regule, je precizaj intervaloj, kaj tiel krei grandegan serion de duumaj nombroj kiuj reprezentas la sonon. Fakte oni mezuras la sonoran signalon 44.100 fojojn ĉiun sekundon! Tiun egan kvanton da nombroj oni kodas kaj densigas. Tamen, eĉ mallonga muzikaĵo postulas kelkajn milionojn da bajtoj! La nuntempa plej komuna dosier-formato por sonoj en komputiloj kaj muzik-legiloj estas MP3.

***fiziko:*** scienco pri la propreco de korpoj / ***formato:*** datum-aranĝo / ***frakcio:*** ne entjera nombro / ***glit-punkta:*** scienca maniero prezenti nombrojn / ***intervalo:*** intertempo / ***kodi:*** prezenti datumojn per kodo / ***kodo:*** sistemo laŭ kiu grupo de signoj anstataŭas aliajn signojn / ***kombino:*** kunigo laŭ difinita ordo / ***komo:*** interpunkcia signo (,) / ***komputika:*** rilata al scienco pri komputado / ***komputilo:*** aparato, kiu aŭtomate prilaboras datenojn laŭ instrukcioj / ***latino:*** lingvo de la antikvaj Romianoj / ***maksimumo:*** plej granda atingebla kvanto / ***malkomponi:*** disigi tutaĵon en partojn / ***metodo:*** taŭga pripensita sekvo de agoj / ***negativa:*** pli malgranda ol nulo / ***nivelo:*** grado de alto / ***normo:*** aranĝo starigita kiel regulo / ***plenumi:*** fari plene tion kio estas farenda / ***pozitiva:*** pli granda ol nulo / ***preciza:*** ĝuste kaj klare difinita / ***signalo:*** ŝanĝoj farataj en elektraj valoroj / ***signumo:*** ajna el la signoj + kaj – antaŭ nombroj / ***simbolo:*** figuro por reprezenti ideon.

# SILAB-ENIGMO




*El jenaj silaboj:*

**a, a, be, bi, bro, de, der, do, e, fan, go, ĝar, ĝo, ka, ko, kom, le, lo, lo, lo, mar, me, mo, na, no, o, ok, pan, po, pra, pro, ran, ro, si, sto, te, to, to, tof**

*formu vortojn, kiuj havas jenajn signifojn:*

1. besto;
2. vendejo de medikamentoj;
3. ilo por ordigi harojn;
4. insekto;
5. tago de la semajno;
6. ĉefurbo de eŭropa lando;
7. monato;
8. granda besto;
9. hejma pied-vesto;
10. nun-tempa;
11. frukto;
12. ter-peco apud domo;
13. diri, ke oni faros aŭ donos ion.

*En la griza, vertikala linio troviĝas la solvo.* *(Solvo sur p. 27)*

Dieter BERNDT, Germanio

# Absolutaĵoj

• Kio estas absoluta manko de apetito?
*Kiam malsanulo rifuzas manĝi eĉ manĝaĵojn, kiujn la kuracisto malpermesis al li.*

• Kiu estas absoluta stultulo?
*Kiu estas sola partoprenanto en konkurso kaj akiras nur la duan lokon.*

• Kio estas absolute terura situacio?
*Kiam iu volas kvereli, sed ne havas kunulon.*

*Elizabeta RAJTMÁR*

# Kiel ekzerci sin pri gramatiko

*Scii gramatikon kaj uzi ĝin kvazaŭ aŭtomate: estas du diversaj aferoj. Ellerni la gramatikon de Esperanto apenaŭ bezonas tempon, sed ĝia aŭtomatigo postulas multan tempon. Aŭtomatigaj ekzercoj plej ofte estas enuigaj, malinteresaj. Tre verŝajne ankaŭ la mia ne estos escepto. Ne forgesu, tamen, ke ĝi taŭgas plene konsciigi kaj aŭtomatigi bazajn gramatikaĵojn. Mi sukcese uzis ĝin.*

Iu el la ludantoj (**A**) **elektu** ordinaran **vorton** kiel ekzemple: *mano, patro, frato, amiko,* **kompakt-disko (KD)**, *poŝ-telefono, glob-krajono, kajero, hundo, seĝo, tablo, horloĝo, ĝinso* k.t.p. (La objekto, persono aŭ ties bildo troviĝu en la ĉambro, la ludanto levu ĝin aŭ montru al ĝi sam-tempe.)

La najbaro (**B**) **faru** simplegan **frazon** per la vorto elektita de A. Ekzemple:

**Jen kompaktdisko.**
**Jen estas KD (kodo).**
**Tio estas KD.**

(Kiu uzas formon malpli konatan por la grupo, tiu estu laŭdata per: *Bonege! Grandan dankon! Brave! Gratulon!...*)




La sekva persono (**C**) demandu:

**Kio?**
**Kio estas tio?**
**Ĉu KD?**

**B** konfirmu la ĝustecon:

**KD.**
**Jes, KD.**

**Ĉ** plu demandu:

**Kies KD?**
**Kies KD estas tio?**

**D** intervenu per respondo:

**Mia KD** (li/ŝi montru al si per mano).
**Tio estas mia KD.**
**Tiu de Stefano.**
**Tiu de mia fratino.**

**E** ekdubas:

**Ĉu la via?**
**Ĉu tiu de Stefano?**
**Ĉu tio estas la disko de Stefano?**

**D** reagu konfirme:

**Jes, la mia.**
**Jes, tiu de Stefano.**

Aŭ korektante la informon:

**Ho jes, vi pravas, tio estas via KD.**
**... la KD de Andreo.**

**A** metu novan demandon:

**Kie estas la disko?**

**F** respondu jene:

**(Ĝi estas) en via mano.**
**Sur la tablo.**
**En la diskujo.**

**G** intervenu per nova demando:

**Kia disko estas en la mano de A?**

**Ĝ**: **Nova.**
**Kompakta.**

**H** demandu pri nova detalo:

**Kiu disko estas en la mano de A?**

**Ĥ** respondu jene:

**Kiun A ricevis de Stefano.**
**Kiu surhavas esperantaĵojn.**
**Kiun sendis niaj brazilaj amikoj.**

# KVIZO LUDO POR VIA PLEZURO

## Pinto post la 3a turniro

*Kategorio B*

1. **Rafaela Pušić, HR 75,0 poentoj**
2. Laura Riondić, HR 74,0 p.
3. Nives Gal, HR 67,5 p.

*Kategorio M*

1. **Krystyna Hawlena, PL 82,5 p.**
2. Alberto Nagy, RO 82,0 p.
3. Marina Milković, HR 49,0 p.

*Grupoj*

1. **Ursourbo, HR 76,5 p.**
2. Suduva/Marijampole, LT 60,0 p.
3. Mätsäkylä, FI 39,0 p.

*Kategorio S*

1. **Maria Molnár, HU 84,5 p.**
2. Ekaterina Popoviciu, RO 82,5 p.
3. Lenče Efremova, MK 58,0 p.

*La regularon de la kvizo-ludo vi trovas en la marta n-ro (p. 22) aŭ en nia hejm-paĝo.*

**Ĉiu kviz-ludanto, kiu varbas novan ludonton ricevas por ĉiu varbito 3 plusajn poentojn tuj, kiam alvenas la solvo de la varbito. (Kun via solvo nepre sendu la nomon de la varbito!)**

**I** povas daŭrigi la konversacion per alia demando malfacila por la kursanoj:
**Kiuj diskoj estas en la ŝranko?**
**Kiaj diskoj estas en la ŝranko de la klaso?**
**J** respondu la unuan demandon jene:
**Tiuj, kiujn nun ni ne bezonas.**
La duan J povas respondi jene aŭ simile:
**Malbonaj.**
**Neuzeblaj.**
**Ne plu bezonataj.**

La ludo estas daŭrigebla. Gravas, ke oni ligu la dialogojn al konkreta gramatika materialo kaj la frazoj estu mallongaj.

Por parkerigi gramatikaĵon necesas 10 ĝis 15 vortoj.
Ĉiu vorto alportas ion novan pro la signifo de la vorto mem.
Ekzemple: **Kia estas la ĝinso de Johano? – Ŝirita. – Kio okazis al ĝi? – Ĝi ŝiriĝis. – Kie? – En la korto. Li grimpis sur drat-barilo.**

*Multajn sukcesojn ni deziras al vi.*
*Ne laciĝu ekzerci vin per simplaj dialogetoj!*
*(Se io montriĝas malfacila por la ludantoj, interrompu la dialogon, klarigu la malfacilaĵon ĉefe per trafaj ekzemploj.)*

| N-ro 4 | 15-a KONKURSO-JARO | Lim-dato: 1.III.2005 |
|---|---|---|
| 1 | Nomu almenaŭ kvar litaĵojn. | 4 poentoj |
| 2 | Faru naŭ vortojn el la radiko *dorm-* per afiksoj. (Ne forgesu pri prepozicioj prefikse uzataj.) | 3 poentoj |
| 3 | Je kioma horo vi en- kaj ellitiĝas? Respondu sen uzi ciferojn. | 2 poentoj |
| 4 | Klarigu per aliaj vortoj, kio estas *lulilo*? | 3 poentoj |
| 5 | Kion signifas la diraĵo: *Budapeŝto estis la lulilo de la verkisto.* | 3 poentoj |
| 6 | Kio estas la diferenco inter *dormo* kaj *sonĝo*? | 3 poentoj |
| 7 | Kio estas *maldorma sonĝo* kaj *koŝmaro*? | 3 poentoj |
| 8 | Kompletigu la proverbon: *Dormus... se ĝi ... ne timus.* | 2 poentoj |
| 9 | Kompletigu per finaĵoj: *Jul-Avo elektis la plej forta... boaco... tirbesto...* . | 3 poentoj |
| 10 | Al kiu lando la partoprenantoj de la Tutmonda Fabelkonkurso sendas siajn fabelojn? | 2 poentoj |
| 11 | Kio estas vintro-dormado? | 2 poentoj |

La solvojn sendu al ***Raita Pyhälä, Jyrkyrintie 3, FI-69440 Lestijärvi, Finnlando***
Retadreso: ***<saliko@kase.fi>***

***Ne restu la solvo ĉe vi sur papero,*** ⇧ ***sendu ĝin tuj al nia supra adreso!***

## SOLVOJ de n-ro 3/04 (p.21)

**1**. Kun granda **ĝ**ojo mi kaj **miaj** amikoj voja**ĝ**is al la maro, ki**e** ni pasigis be**l**an semajnon en **h**otelo. **2**. *Amu domon novan, kaj amikon malnovan.* **3**. plena **de/je** , Dankon **pro/por** , **kun/sen** sukero **4**. *marko > barko > barbo* **5**. *ŝati, adori; ŝtato, regno; sennuba, trankvila; stulta, ŝtipokapa** **6**. Ateno, 28aj, Usono **7**. ILEI, SAT, IFEF, MEM* **8**. *marist(ar)o, mararmeo, marbordo, marŝipo, markolo, marakvo, submara, surmara** **9**. — **10**. Biblioteko Hector Hodler de UEA (NL), Internacia E-Muzeo (Aŭstrio), Biblioteko de Japana E-Instituto*.

* *Ekzistas pluraj ĝustaj solvoj.*

## La plej lertaj solvintoj de la septembra numero

***Kategorio B***
1. Pušić, Rafaela; HR 28,5 p.
   Biondić, Laura; HR 28,5 p.
2. Marelja, Rina; HR 28,0 p.
   Gal, Nives; HR 28,0 p.

***Kategorio M***
1. Milković, Marina; HR 30,0 p.
2. Akik, Svijetlana; HR 28,0 p.
3. Nagy, Alberto; RO 27,0 p.

***Kategorio S***
1. Molnár, Maria; HU 29,5 p.
2. Popoviciu, Ekaterina; RO 27,5 p.
3. C.Mendonca, Rodrigo; BR 23,0 p.

***Grupoj:*** Ursourbo (30), Mätsäkylä (20)

*Stefan MACGILL*

# Esperanto signifas por mi...



*... lingvon, kiun mi parolas kaj uzas ĉiu-tage. Mi pensas kaj ofte sonĝas en ĝi. Ĝi estas lingvo, kiun mi provas kaj volas analizi laŭ ĝiaj propraj kvalitoj, ne tra la reguloj de aliaj naciaj lingvoj. Se ni komprenos la unikajn bonaĵojn kaj obstaklajn partojn de Esperanto, ni povos konstrui pli agrablajn kaj efikajn manierojn instrui ĝin.*

*Ĝi signifas havi du filinojn, kiuj aktive uzas la lingvon, partoprenis en familiaj kaj junularaj E-renkontiĝoj, verkas en la lingvo kaj preparas proprajn lernilojn, per kiuj ili instruas la lingvon al siaj sam-klasaj amikoj. La tria filino bone komprenas Esperanton, sed ankoraŭ ne emas paroli ĝin.*

*Ĝi signifas daŭrigi tradicion, el familio kun kvar generacioj de Esperanta aktivado. Mia patro parolis al mi en Esperanto tra miaj unuaj jaroj, kiel same mi faris kun Karina kaj Hajni. Mia patro konvinkis sian panjon lerni kaj instrui la lingvon.*

*Ĝi signifas organizi Internaciajn Infanajn Kongresetojn (IIK) – kunvenigi infanojn el diversaj landoj kaj pretigi por ili interesan programon en bela loko.*

*Ĝi signifas prizorgi kaj pagi apartan apartamenton, kie ni stokas Esperantajn librojn kaj la numerojn de Juna Amiko. De tie ni dissendas al vi nian revuon. Tie mi verkas lerno-librojn teatraĵojn kaj artikolojn por Juna Amiko kaj aliaj revuoj. Mi interŝanĝas ret-mesaĝojn kun multaj esperantistoj pri kursoj, kongresoj, gazetoj, man-libroj, ideoj. Sed ĉiam estas pli da mesaĝoj ol tempo!*

*Ĝi signif***is** *dum dek jaroj labori en Nederlando kiel profesia esperantisto (1976-86).*

*Ĝi signif***os**, *se emeritiĝo iam povos ebli, la realigadon de pli ol dekoj da farindaĵoj: (re)verki lernilojn, organizi bonajn IIK-ojn, krei praktike uzeblajn instru-gramatikojn por Esperanto, aperigi rete multajn verkitajn, sed ne aperintajn rakontojn kaj ekzercojn kaj multajn aliajn.*

*Ĝi signif***u**, *ke la estigo de familio ne konduku al la ĉesigo de laboro por la lingvo. Delonge ni vidas ke la meza generacio mankas en Esperanto. Ĝi mankas, ĉar ne eblas dividi, jaron post jaro, la tagojn en kvar partojn: familio, profesio, ripozo kaj Esperanto.*

*Esperanto povos esti kompleta lingvo nur, se ĝi havas kompletan parol-komunumon – geografie kaj aĝ-grupe. Kiam ni sukcesos ne plu perdi nian mezan generacion – tio jam kalkuliĝos inda venko.*

# ILUSTRITA FRAZEOLOGIO

La supra libro de *Sabine Fiedler* kaj *Pavel Rak* enhavas multajn tre utilajn parol-turnojn. Mendebla ĉe eldonejo KAVA-PECH, Anglická 878, CZ-25229 Dobřichovice (Prago), Ĉeĥio (rete: *info@kava-pech.cz* , TTT-ejo: *www. kava-pech.cz*).

***Ĉi-foje ni prezentas al vi frazeologiaĵon:***

Klarigo:

***(Dis)tranĉi la Gordian nodon***

**Forigi komplikan obstaklon; elimini malfacilaĵon per energia ago aŭ perforte.**

***Historia bazo:* Laŭ orakola diro, tiu kiu kapablas malligi la implikitan nodon de reĝo Gordio estu imperiestro de Azio. Aleksandro distranĉis ĝin en 333 a.K. per sia glavo.**



Ekzemploj:

*"La Gordian nodon de la verkista lingvo Auld ĉiu-kaze tranĉis per Esperanto".* (E. de Kock en LINGVA ARTO)

*Ne hezitu tranĉi la gordian nodon, maldungu tiun friponon.*

*Esperanto povas tranĉi la gordian nodon de la internacia komunikado.*

*Por igi la domon sekura kontraŭ ŝtelistoj, la edzino volis ŝanĝi ĉiujn serurojn, aĉeti kameraon, reflektorojn, fortikigi la barilojn, dungi pordiston. La edzo solvis la gordian nodon, li akiris sango-hundegon.*

***a.K.:*** **antaŭ Kristo /** ***elimini:*** **forigi /** ***frazeologio:*** **fraz-aranĝo propra al iu lingvo /** ***fripono:*** **ruza trompulo /** ***impliki:*** **malfaciligi, malhelpi movojn, konfuzi /** ***komplika:*** **malsimpla /** ***obstaklo:*** **baraĵo, malfacilaĵo /** ***orakolo:*** **respondo ne klara, du-senca /** ***reflektoro:*** **lum-ĵetilo.**

## Sentencoj el la tamila, unu el la sud-hindaj lingvoj

Kiu ne fleksiĝas en la kvina jar-aĝo, tiu fleksiĝos nek en la kvindeka.
Al timulo ĉio malhela ŝajnas fantomo.
Korniko trovas sian idon oro.
Eĉ malgranda bastoneto utilas por piki interdentojn.

*S-ino Saranath, Hindio*

*Lev Tolstoj:*

# KIEL

Malriĉa kamparano ne havis panon. Li decidis prunti ĝin de la bienulo. Por ne veni al li kun malplenaj manoj la kamparano kaptis, rostis anseron kaj kunprenis ĝin kiel donacon.

La bienulo akceptis la anseron, sed diris: "Mi dankas vin, kamparano por la ansero, sed mi ne scias, kiel dividi ĝin. Mi havas edzinon, du filojn kaj du filinojn. Kiel dividi la anseron por ke neniu ofendiĝu?"

La kamparano respondis: **"Mi volonte dividos ĝin."**

Li prenis tranĉilon, detranĉis la kapon de la ansero kaj donis ĝin al la bienulo, dirante: "Vi estas la estro de la domo, al vi apartenu, do, la **kapo** de la kort-birdo."

Poste li detranĉis la malantaŭan parton de la ansero kaj donis ĝin al la edzino dirante: "Vi devas ĉiam sidi hejme, gardi la domon, vi prenu, do, la **dorso-pinton** de la ansero."

Poste, detranĉinte la piedojn de la birdo, li etendis ilin al la filoj de la bienulo: "Vi ekhavu la **piedojn** por iri sur la vojo de la patro."

Al la filinoj li donis la flugilojn kun la vortoj: "Vi baldaŭ forflugos el la hejmo, jen la flugiloj por tio."

"Kio restis, apartenos al mi", kaj li prenis por si la **trunkon** de la ansero.

La bienulo ridis kaj donis panon kaj monon al la kamparano.

Pli riĉa kamparano eksciis, ke pro ansero la bienulo premiis la malriĉulon per mono kaj pano. Li rostis kvin anserojn kaj portis ilin al la bienulo, kiu diris:

"Dankon por la anseroj, sed ni en la familio estas sesope, kiel dividi, do, kvin anserojn?"

Forte cerbumis la riĉa kamparano, sed vane, li ne trovis solvon. La bienulo venigis la malriĉulon kaj ordonis al li dividi la anserojn.

La kamparano prenis unu el la anseroj kaj donis ĝin al la bienulo kaj lia edzino: "Jen, kun la ansero vi estos **triope**." Poste li prenis la duan kaj donis ĝin al la filinoj, dirante: "Tiel ankaŭ vi estos triope." Transdonante la trian al la filoj, li diris la saman: "Jen ankaŭ vi estos triope."

# kamparano dividis anserojn



"Fine, du anseroj restos por mi kaj tiel ankaŭ ni estos triope. La divido estas egala kaj justa."

La bienulo ridis, denove donis monon kaj panon al li, kaj la riĉulon forpelis.

Tradukis: *Elizabeta* RAJTMÁR

*ansero:* granda kort-birdo naĝi-pova / *trunko:* brusto, ventro kaj dorso kune.

## Sentencoj

Ne tiu estas stulta, kiu ne scias, sed kiu ne volas scii. *(H. Skovoroda)*

La tero havas limon, sed la homa stulteco estas senlima. *(Flaubert)*

Ni vivas en mondo, kie frenezulo konvertas dek disĉiplojn kaj saĝulo nur kelkajn. *(Lichtenberg)*

Eĉ la Suno havas makulon! Ne ekzistas senerara idealo. *(Courad Meyer)*

Neniam estu kontenta pri "preskaŭ". *(Tatios)*

Nenio vundas pli ol vero. *(Metternich)*

Saĝeco nestas ne en la kapo, sed en la koro. *(Tatios)*

*Elizabeta* RAJTMÁR

## INTERESAĴO

### POR AKRE VIDI
### PRI LA HISTORIO DE OKUL-VITROJ



*Ĉu vi scias, ke nun-tempe 30 procentoj de la eklernejanoj bezonas okulvitrojn?*

### Pro kio oni bezonas okulvitrojn?

La lum-radioj estigas bildon sur la retino (fundo de la okul-globo). Sed la okullenso povas misfunkcii denaske aŭ, kun la aĝo, perdas sian elastecon (ne hazarde preskaŭ ĉiuj maljunuloj portas okulvitrojn), tiel ke ĝi kunigas la lumradiojn antaŭ la retino (miopeco) aŭ trans ĝi (malmiopeco/hipermetropeco). Okulvitroj korektas tiun misfunkcion.

### De kiam oni uzas okulvitrojn?

En Ĉinio oni uzis okulvitrojn jam antaŭ 2000 jaroj. Sed ili servis ne por plibonigi la vid-povon, sed kiel laŭ-modaj ornamaĵoj. Por pliakrigi la vidadon, ili aperis – tre ver-ŝajne – en Italio, kaj estis faritaj de *Alessandro di Spina* en la jaro 1299. Ĉi tiuj okulvitroj helpis al malmiopuloj. Miopuloj dankas pro siaj okulvitroj al germano *Nikolaus von Kues*, kiu eliris kun okulvitroj por miopuloj 152 jarojn post *Spina*.



### Kiel aspektis la malnovaj okulvitroj?

Okulvitro kun tenilo nur por unu okulo ne estis longe uzata (ĝi aspektis kiel nuna lupeo). La unuaj okulvitroj ne havis branĉojn por fiksi ilin malantaŭ la oreloj, sed havis tenilon aŭ per risorto, troviĝanta inter la vitroj, forte premiĝis al la nazo-dorso, pro tio ili ricevis trafan vorton: *nazumo*. En la 16a jar-cento (jc.) oni uzis okul-vitrojn fiksitajn al frunto-bendo aŭ al la oreloj per rimenoj aŭ bendoj. En la komenco de la 20a jc. monoklo estis tre populara. Ĝi estas okulvitro kun aŭ sen muntaĵo por unu sola okulo. Ne uzate ĝi pendis sur ŝnuro de la kolumo de jako. Nuntempe, anstataŭ okulvitroj multaj uzas kontakto-lensojn sur la irisoj.



***elasta:*** **tia, ke ĝi facile ali-formiĝas /** ***funkcii:*** **plenumi ion /** ***iriso:*** **ronda, divers-kolora membrano en la okulo /** ***lenso:*** **disko el vitro kun ne paralelaj supraĵoj /** ***lupeo:*** **grandiganta lenso kun tenilo /** ***monoklo:*** **vidu la apudan bildon /** ***muntaĵo:*** **kadro, framo /** ***procento:*** **% /** ***rimeno:*** **bendo el ledo /** ***risorto:*** **metal-peco (drato aŭ bendo) kiu kapablas repreni sian antaŭan formon.**

# LINGVA DOKTORO

H

## Iom pri sinonimoj

Kio estas sinonimo? Sinonimo estas vorto, kiu havas signifon saman aŭ tre similan al tiu de alia vorto. *Trajno* kaj *vagonaro*, *ĉielo* kaj *firmamento*, *prezidento* kaj *ŝtatestro*, *lerni* kaj *studi*, *havi* kaj *posedi*, *longe* kaj *daŭre*, *seka* kaj *senpluva*, ekzemple, estas sinonimoj.

Por kio havi du aŭ eĉ pli da vortoj por la sama ideo? Por kio malfaciligi lingvon (kaj precipe Esperanton, kiu fieras pri facileco)?

Responde ni havas du ĉefajn motivojn.

Unue: Absolutaj sinonimoj, t.e. plene samsignifaj vortoj ne ekzistas, diferencas almenaŭ la socia, emocia fono de jenaj vortparoj: *lingvistiko – lingvoscienco*, *zoologia ĝardeno – best(o)ĝardeno*, *futuro – estonteco*. En ili la unuaj estas sciencaspektaj, la duaj – komune uzataj. La unuajn ĝenerale uzas fakuloj, la duajn la ceteraj homoj. Ĉe aliaj sinonimoj la intenco diferencas: *idioto* aŭ *kreteno*, ekzemple, estas pli ofenda ol *malsaĝulo*, same *kanajlo* estas pli drasta ol *malbonulo*.

Tamen pli gravas la dua motivo, nome: ili ne havas la saman signifon kaj per atenta elekto el ili oni povas sin esprimi pli precize, malpli monotone.

Okazas, ke vorto havas ne alian vorton kiel sinoniman paron, sed vort-grupon aŭ tutan frazon. Anstataŭ *malsaĝa* oni povas diri sam-sence: *estas kiel ŝtipo*. Anstataŭ *severe riproĉi* iun, oni povas diri: *fari al iu bonan lavadon*. Kun *embarasiĝi* egalas *perdi la kapon*. Kaj kiu *perdas la fadenon* plej ofte havas kun si nenian fadenon, sed li *ne plu povas sekvi la parolon*. Kaj se vi aŭdas, ke iu longe *rompis al si la kapon*, ne demandu, ĉu kuracisto povis savi lian vivon, ĉar tre verŝajne la parolanto volis diri, ke iu longe *cerbumis* antaŭ ol decidi.

Per *levi iun ĝis la ĉielo* oni deziras esprimi: *glori* iun. Ĉiu scias, ke anstataŭ *morti* oni povas uzi ne nur la vorton *forpasi* aŭ *perei*, sed ankaŭ *adiaŭi la surteran mondon*.

Sciu, ke en Esperanto preskaŭ ĉiu malvorto havas sinonimon radik-vortan. Kial? Unue: la mal-vorto ofte vekas en ni la bildon de la pozitiva vortradiko sen *mal-*. Aŭdante, ekzemple, la vorton *malsaĝa*, multaj unue pensas pri *saĝa* kaj nur poste inversigas ĝin. Por eviti tion kaj, due, por elastigi la lingvon ekestis tiaj sinonimaj paroj: *maljuna – olda*, *malsaĝa – stulta*, *malgaja – trista*, *malferma – aperta*, *mallonga – kurta*, *malrapide – lante*, ktp. aŭ ŝerce oni respondas la demandon: Kie vi estis? Mi *maltrinkis* (anstataŭ *urinis / pisis*).

Fine, por montri la praktikan utilon, mi elektis kiel ekzemplon la plej oftan verbon: *esti*. Legu la suban tekston.

*Mia lando estas en Ameriko. Mia urbo Rio-de-Ĵanejro estas sur la marbordo. En nia strato estas altaj domegoj. Nia loĝejo estas granda. En mia ĉambro sur la planko estas belaj tapiŝoj. En la angulo estas tablo (sur ĝi mi skribas ĉi tiujn liniojn), super ĝi estas mia portreto.* Komparu ĉi tiun gramatike seneraran, sed stile teruran tekston kun la ĉi-suba variaĵo:

*Mia lando situas en Ameriko. Mia urbo, Rio-de-Ĵanejro troviĝas sur la marbordo. En nia strato sin levas / leviĝas altaj domegoj. Nia loĝejo estas granda. En mia ĉambro sur la planko kuŝas belaj tapiŝoj. En la angulo staras tablo, super ĝi pendas mia portreto.*

Fine, tasko por vi: Provu prezenti vian ĉirkaŭaĵon sammaniere!

Ĉiam atentu pri sinonimoj.

Uzu ilin kuraĝe!

*Geza Kurucz*, *Hungario*

# humuro

de *Elizabeta* Rajtmár *(HU)* *kaj Alberto* Nagy *(RO)*

## Antaŭzorgema patro

Ho, najbaro! Kial vi batas tiel kruele vian kompatindan fileton?

— Sciu, ke morgaŭ li ricevos en la lernejo la stud-atestilon, sed mi devas hodiaŭ forvojaĝi.



*— Karega mia! Se vi devus elekti el du virinoj: unu el ili estas bela, la alia – saĝa, kiun vi elektus?*

*— Nek unu, nek la alian! Vi scias, ke mi amas vin.*



*Iun matenon kapitano diras al siaj soldatoj:*

*— Hodiaŭ mi havas du sciigojn por vi: unu bonan kaj unu malbonan. Sed ni komencu per la malbona: Ni havas 50 tunojn da sablo, kiujn vi devos ŝoveli en sakojn. Kaj la bona sciigo: Ni havas sufiĉe da sakoj!*

*kapitano:* mez-ranga soldato / *katalogo:* tabelo de objektoj (ĉi tie: mebloj) ordigita laŭ difinita ordo / *kruela:* krude severa / *tuno:* 1000 kilogramoj.

## Favora aĉeto

— Mi havas por vi tre favoran oferton. Ĉi tiun meblon nun vi povas aĉeti je duonprezo de la katalogo.

— Bonege! Kaj kiom kostas la katalogo?

## Solvo de "SILABENIGMO" *(p. 16)*

SOMERA TENDARO

**LUE *(n-ro 3/04, p.5)*:** RETROVI LA AMIKOJN!

**VENDE *(n-ro 3/04, p.6)*** *Gajni ĉe Hajni!*

**1)** kato > koto > koko > roko > roka **2)** karoto, malbela, kavo, koto, solvoj **3)** MO **4)** 5, 6, 8, 12, 20, 36 **5)** 2 mezgrandajn ĉokoladojn (2x95=190) kaj 1 etan bombonon (210). Sume: 210 + 190 = 400.

**PROMENO kun opinioj *(n-ro 3/04, p. 10)***

**A:** Veraj konstatoj: 3, 5, 9 **B:** Kaŝesprimo: Facila vento (ILEI-programo: Malfacila vento) **C:** Kapabloj: akvo, puto (forflui); aviadilo, formiko, sablo (forflugi); cervo, formiko, skarabo (forfuĝi); ligno (forbruli); tempo (forgesi) / moviĝis: skarabo, cervo; kaŝis sin: glisaviadilo, cervo; timiĝis: formiko, cervo; flugis: aviadilo, formiko.




# juna amiko

**Internacia Esperanto-revuo de ILEI por lernejanoj kaj komencantoj**

31a jaro, n-ro 4(111), 2004

**Aperas 4 fojojn jare**

**Redaktoro:** *Géza Kurucz* **(Hitel u.10.fszt.16, HU-6000 Kecskemét, Hungario)**

**Retadreso: geza@banyai-kkt.sulinet.hu**

**Vicredaktoro:** ***StefanMacGill*** **(retadreso: stefan.macgill@galamb.net)**

**Administranto:** *Stefan MacGill,* Pannónia u. 30.I.6, HU-1136 Budapest, Hungario

Retadreso: **juna.amiko.adm@posta.net**

**Eldonanto: ILEI, Riouwstr. 172, NL-2585 HW Den Haag, Nederlando**

Lingva revizianto: *Baldur Ragnarsson* (Islando)

**Kunlaborantoj:** ***s-ino Saliko, Anja Karkiainen, Vesa Pölkki*** (Finnlando), ***Baldur Ragnarsson*** (Islando), ***Tatjana Auderskaja*** (Ukrainio), ***s-ino Jennifer Bishop*** (Aŭstralio), ***Zoran Čirić, Jadranka Mirić*** (Serbio), ***s-ino Saranath*** (Hindio), ***Gennadij Basov*** (Rusio), ***Bardhyl Selimi Mezini*** (Albanio), ***Till Dahlenburg, Dieter Berndt*** (Germanio), ***Evandro de Freitas*** (Brazilo), ***Elizabeta Rajtmár, Zoltán Kurucz, Monika Molnár*** (Hungario), ***Marija Beloševič*** (Kroatio), ***Michel Nkwirikiye*** (Tanzanio), ***Eugenia-Ecaterina Popoviciu*** (Rumanio), ***Mensah B.Attiogbe-Agbemadon*** (Togolando), ***José J.Campos Pacheco*** (Kubo), ***Jasuo Hori*** (Japanio), ***Gian Piero Savio*** (Israelo)

**Grafikistoj:** ***Irina Nagy*** (Rumanio), ***Pavel Rak*** (Ĉeĥio), ***Monika Molnár*** (Hungario)

**Komputila kolora tekniko:** ***János Bakk*** (Hungario)

**Farita en Presejo Saluton**

**Gárdi Jenő u. 14, H-1047 BUDAPEST, Hungario**

**ISSN 0230 1318**

*Anja Karkiainen:*

## SPICAJ SEKRETOJ



Jul-koboldo dum ferio
ĉerpis pli da energio
ĉe hungara kampo-rando
kun koboldoj de la lando.

Ve! Li perdis sian ĉapon!
Sun' bruligus lian kapon,
sed per frukto de papriko
save kovris ĝin amiko.

Tiel iĝis li sirmita
kaj fariĝis eĉ pli sprita.
Inventaĵojn tuj en vico
li elpensis pro la spico.

Hejmen koboldet' veturis,
en la laborejon kuris,
al Jul-Avo prirakontis
kio el la ĉapo fontis.

Kolegaro, kiu aŭdis,
eksaltadis kaj aplaŭdis,
realigis kunlabore
planojn naskiĝintajn fore.

Sur la bretoj en paketoj
nun abundas Jul-sekretoj
hungarecaj laŭ la stilo.
Pretas jam almenaŭ milo!

*(Muziko sur paĝo 7)*

